Islamo estas religio kies unua alparolo al la profeto komenciĝas kun la vorto "Legu!"[5]. La Korano juras per "La plumo kaj tio, kion ĝi skribas"[6]. Tia alparolo kaj mesaĝo ne povas ekigi konflikton kontraŭ konscio, scienco, saĝo, liberaj opinio kaj esprimo kaj kultura plurismo.

**Sendube, mia elektiĝo varmigos la korojn al amasoj de virinoj kiuj, ne nur en Irano sed tra la tuta regiono, klopodas akiri siajn rajtojn forprenitaj de ili dum la historia proceduro. Ĉi tiu elekto igos virinojn en Irano, kaj multe pli foren, ekkredi je si mem.**

La diskriminacia stato kontraŭ virinoj en islamaj landoj, ĉu en la sfero de civilaj rajtoj ĉu en la sfero de socia, politika kaj kultura justeco, havas siajn radikojn en la patriarka kaj virosuperrega kulturo reganta super tiuj ĉi socioj, ne en Islamo. Tia ĉi kulturo ne kredas je libereco kaj demokratio, ĝuste tiel, kiel ĝi ne kredas je la egalrajteco inter viroj kaj virinoj kaj je liberigo de virinoj el la vira superregado (pere de patro, frato, edzo, ...), ĉar tio minacus la historian kaj tradician pozicion de la regantoj kaj gardantoj de tiu kulturo.

**Mi estas Islamano kaj en la Korano estas citita de la Profeto de Islamo ke: "Vi kredas je fido via kaj mi je religio mia"**

Oni devas diri al tiuj, kiuj prilaboris la teorion de interbatiĝo de civilizacioj, aŭ preskribas militon kaj militan intervenon por tiu ĉi regiono, kaj eĉ turnas onin al socia, kultura, ekonoma kaj politika postresteco de la sudo celante pravigi siajn agojn kaj opiniojn, tion, ke se vi konsideras regulojn de internaciaj homaj rajtoj, kaj inter-ilie de la naciaj rajtoj determini sian destinon, kiel mondvastaj leĝoj, kaj se vi kredas je la prioritato kaj supereco de parlamenta demokratio super aliaj politikaj sistemoj, tiam vi ne povas avarece kaj sinameme pensi nur pri via propra sekureco kaj komforto. Serĉado por novaj mekanismoj por ebligi ankaŭ la landojn de la sudo, esti kapablaj ekĝui homajn rajton kaj demokration, dum ili konservas sian politikan sendependecon kaj teritorian tutecon de siaj landoj, devas lokiĝi en la plej altan prioritaton de la estontaj evoluoj ĉe Unuiĝintaj Nacioj kaj internaciaj rilatoj….

Gesinjoroj! En la enkonduko de mia parolado, mi priparolis homajn rajtojn kiel garantion por libereco, justeco kaj paco. Se homaj rajtoj ne speguliĝu en kompilitaj leĝoj kaj ne efektiviĝu per ŝtatoj, tiam, kiel frazite en la antaŭparolo de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj, homoj ne havos alian vojon krom "ribelo kontraŭ tiraneco kaj subpremado". Homo malplenigita je digno, homo senigita je homaj rajtoj, homo malsata, homo venkita per malabundeco, milito kaj malsano, homo humiligita, homo prirabita ne estas en pozicio aŭ stato batali por revivigado de siaj perditaj rajtoj, helpe de la saĝo kaj logiko.

Se la mondo de 21-a jarcento deziras liberigi sin el la ciklo kaj sinsekvo de perforto, teroro kaj milito, kaj eviti ripetiĝon de la sperto de la 20-a jarcento - la plej katastrofa jarcento de la homaro - ne havas alian vojon escepte de rekonado kaj realigo de ĉiuj homaj rajtoj por la tuta homaro, senkonsidere de ilia raso, sekso, religio, nacio kaj socia statuso.

Esperante tiun tagon.
Kun multaj dankoj,
Ŝirin Ebadi.

***NOTOJ:***

1. Komenca versduono de Ŝahnameo (La Libro de Ŝahoj), 60,000-versdua epopeo de Abolgasem Ferdoûsi (940?-1020?), kiun li verkis dum 30 jaroj (980-1010), kaj per tio li estigis la moderan perslingvon, post longa provado disvastigi la araban en Irano post alveno de Islamo en la landon en 641.
2. Kuroŝo estis ŝaho el dinastio Aĥemenidoj (550-330 a.K.), la unua reĝa dinastio de Persujo. Li okcidente konatas kiel *Cyrus* aŭ Siruso. Li estigis Aĥemenidan imperion kaj regis de 550-529 a.K.
3. La Nobla Korano (LNK), Trad. Italo Chiussi, 2a eld., Kopenhago: TK, 1970, 20+677 p. "Vi havas vian kredon, kaj mi havas mian kredon!", ĉapitro 109, verso 7.
4. Ŝams-ed-din Mohammad Hafezo de Ŝirazo (1320-1389), pleaj granda gazalisto persa.
Ĝalal-ed-din Mohammad de Balĥo de Rumo (konata okcidente kiel Rumi) (1207-1273), plej granda mistika poeto. Bv. Vd. Irana Esperantisto, N-ro 5, Jaro 2, Aŭtuno 2003, p. 4-7.
Ŝejko Farid-od-din Attaro de Nejŝaburo (1119-1229?)
Ŝejko Mosleh-od-din Sadio de Ŝirazo (1184-1281)
Maĝdud ebn Adam Sanaio de Gazneo (1072-1130)
Abu Moin Naser Ĥosro de Gobadijano (1003-1087)
Eljas ebn Jusof Nezamio de Ganĝeo(1140-1209)
5. "Legu (proklamu) je la nomo de via Sinjoro, kiu kreis ĉion", LNK: ĉapitro 96, verso 2.
6. La universale akceptitaj unuaj versoj revelaciitaj al la Profeto inkludas: "Per la inkujo kaj per la plumo kaj per tio, kion ili skribas", LNK: ĉapitro 68, verso 2.

# Forug Farroĥ-zad

Mehdi Karimi

Tradukis: Nazi Solat



Forug naskiĝis en decembro de 1935 en Tehrano kaj vivis preskaŭ 32 jarojn. Ĉe 16-jariĝo ŝi edziniĝis kaj post unu jaro naskis filon kies nomo estas Kamjar.
Ŝia geedziĝo daŭris nur unu jaron kaj ŝi poemon kaj arton preferis al geedzeco kaj persiste eksedziniĝis kaj ĝis sia morto ne plu vizitis sian filon .

Ŝi je la 13-a de januaro de 1967 dum neĝado, kiel ŝi mem antaŭvidis en siaj poemoj, okaze de katastrofa aŭto-akcidento en Tehrano mortis .

Estas restitaj kvin poemaroj ŝiaj nome:
Kaptito, Muro, Ribelo, Alia naskiĝo, Kredu ni al komenco de malvarma sezono.

Tio estis simpla biografio de Forug.Sed vere kiu estis Forug kaj kio estis ŝia rolo en poezia sfero de Irano?

Historio de moderna poezio en Irano havas tian firman ligon kun Forug ke oni ne povas ignori Forug-on kiam oni skribas pri poezio, literaturo kaj precipe pri virinaj verkaĵoj en Irano. Verki pri Forug ne eblas ignorante historian kondiĉon en kiu ŝi kreskis kaj fariĝis poetino fama ĉar Irano estas poezi-teritorio. Poezio ĉi tie havas specialan signifon. Poezio estas filozofio kaj moralo, estas mistiko, estas liriko, estas riproĉo, ironio kaj ŝerco, estas ama epopeo aŭ amo epopea. Poemo estas la dua ranga libro post sankta libro, estas "Kaŝlinvgo", estas Hafez[1].

Kulturo de Irano signifas ĝian poezion. En ĉi tiu lando neniu kampo de penso ekzistas en kiu poezio ne eniris kaj ne povis trovi tutan, kompletan esprim-manieron. En tiu ĉi afero poezio ne estas ilo, sed lingvo de laboro. Ĝi mem la laborkampon prenas kiel iu rimedo.

Ferdoŭsi[2] per sia poemaro, kreis epopeon mitan de sia patrujo kaj plue ekvivigis la lingvon de sia patrolando kaj igis sian verkaĵon kiel identeco de la lando.

Pasinta poezio dum mistika poezio atingis sian pinton. Mistikismo kun sia religia kaj morala enhavo ne povis elflui skribilon ali-forme krom poezio, krom trapasi filtrojn de poet-penso kaj preni aman esprimon, krom atingi eltrovan etoson ene de poet-penso.
En ĉi tia lando poemado ne estas farebla de ĉiuj homoj. Forug[3] Farroĥ-zad en ĉitia lando brilas.

Samepoka art-komunumo de Irano, konas Forugo-n per "*Alia naskiĝo*" poemaro, kiu vere estis alia naskiĝo de Forug. Kvankam antaŭ tiu poemaro, ŝi verkis tri aliajn poemarojn nome; Kaptitulo, Muro, Ribelo kaj jam fariĝis fama per tiuj ĉi kajeroj. Sed per

"Alia Naskiĝo" ŝi apartigis sin mem de siaj pasintaj poemoj kiujn ŝi mem plu ne valorigis, kaj ĉi tiel ŝi skemis novajn bordojn por nova poezio persa.

Poste per alia poemaro nome "Kredu ni al komenco de malvarma sezono" ŝi novan pejzaĝon malfermis por moderna poezio.

Moderna poezio de Irano kiu komenciĝis per Nima, dum kelkaj dekoj da jaroj, post trapasi multajn bariloj kaj post luktado kontraŭ rezistoj tradiciaj ,kulturaj kaj sociaj, finfine en kvara jar-deko, prezentinte elstarajn poetojn same kiel Ŝamlu, Aĥavan, Forug, Ataŝi,... kaj dekojn da aliaj, atingis sian pinton blindumigan. Tamen, Forug kun "Alia naskiĝo" kaj "Kredu ni ...", estas unika vizaĝo por tiu ŝanĝo.

Verŝajne oni ne povas heziti iomete priskribi pri komenco de tiu garnda ŝanĝo por klarigi la kielon de tiu grandioza ŝanĝo aŭ eklumo[3] dum tiu mallumega nokto de poezio en Irano.

Antaŭ "Konstitucia Revolucio"[4], Irana poezio dum preskaŭ tricent jaroj trapasis mortigan stagnadon; ŝanĝo nek stile, nek lingve, nek teme, nek enhave....okazis. Nenio okazis krom malantŭeniro en esprimo, signifo, lingvo, formo kaj strukturo de poezio. La persdevena lingvo de Ferdoŭsi[2], la glita ,elokventa poeziaĵo de Sadio[5], la flua kaj multenhava esprimado de Hafez[1] kaj emocio kune kun kompreno de Moŭlana[6] (Rumi) foriris de poezio de tiu longedaŭra tempo. Tiel lingvo de poemo plenpleniĝis de vort-figuraĵoj; vortoj fariĝis sensignifaj kaj komplikaj, poemo fariĝis aro da vortoj. "Lingvo ne estis por esprimado, sed por rim-aranĝado kaj perdo de tempo".[7] Poezio de tiu ĉi epoko "signifas laŭdadon kies rezulto estis kuraĝiĝo de ministroj kaj regantoj por diversaj kanajlaĵoj kaj stultaĵoj".[8] Alivorte poezio de tiu tricent jaroj "ne estis utila por io krom flatado senfina al "Tutmonda Kaabo"[9]

Komencite "Konstitucia Revolucio" akompaninte per nova, juna generacio kiu sciis okcidentajn lingvojn, "neologismemo kaj antaŭenir-volemo disvastiĝis kaj socia sfero pretiĝis por akcepto de iaj pens-manieroj".[11]

Poezio de tiu tempo kiu fakte estis revoluaci-poezio, finfine "elektis iun lingvon kiu povus esti komprenata per popoloj .Do estis bezonata iu lingvo simpla, klara kaj komprenebla por ĉiuj, kiu havis nek sufiĉe da tempo por ornami kaj vortfarado, nek artan kreadon."[11]

Tiel poezio de nova epoko naskiĝis. Verŝajne por tiu granda ŝanĝo en persa poezio, tia grandioza "Revolucio" estis bezonata.

Nima Juŝiĝ[12] kiun oni inde nomas "*la patro de nova persa poezio de Irano*" "fondis sian poemon sur ruinaĵoj de fanatikaj kaj malnovaj formoj de pasinta persa poezio ... [13]." Li "sukcesis trovi novan formon en persa poezio lingve kaj enhave poezia kaj revolucia[14]". Li per ŝanĝo de tradicioj formaj




*Far de Forug*

(ritmo kaj rimo), per sia esprimo, samtempe per poezia pens-maniero kaj nova enhavo, kreis novan poezion kies daŭrigon kaj emfazon povus fari neceso de tempo."[15]

Li scipovis francan lingvon kaj eble li ideon por rompi tradician rimon elprenis el moderna okcidenta poezio. Sed sian vidpunkton li prenis el sia medio, kulturo kaj speciala historia situacio. Inter lia vidpunkto kaj tiuj de liaj pasintuloj estis longega distanco kaj tio estis la plej grava paŝo por disiĝo el klasika poezio kaj fondo de moderna poezio. Do li subjektivan mondon de la malnovaj poetoj anstataŭigis per objektiva mondo. Tio signifas ke unua-foje en poezia historio de Irano, persona mondo kune kun objektoj, naturo kaj sociaj interrilatoj eniris en terenon de poemo .

Li poemis sian "Rakonto"-n[16]. Ĝin ŝatis junaj poetoj kaj elektis ĝin; kaj ĝian lingvon kaj ĝian etoson romantikan. Sed li mem ne estis tiom facilema kaj ne iris laŭ la vojo de "Rakonto". Li plu laboris dum dek aliaj jaroj kaj poemis "Fenikso"-n[16], kiu estis alia vojo; vojo de "Nova poezio Nima-a".

Sekvantoj de "Rakonto" ankaŭ trovis sian lingvon kaj sendependecon. Kelkaj en formo de "kvaropa" poezio, aperis tre potencaj kaj belstilaj. Ili klopodis esprimi siajn korojn, maltrankvilojn,.... kaj ĉion ĉi pri sia simpla naturo en tiu "kvaropa" formo. Ĉi tiel ili plenigis poezian etoson de tiu tempo per romantikismo.

Dum tiu tempo, dank' al neologismemo de nova meznivela grupo de popolo en socio, romantikismo trovis antaŭ si mem oportunon por esprmi sian sensaĵojn plenplene da kontraŭaĵoj, malgraŭ tio ke socia kaj politika situacio estis tre streĉita, maltrankvila kaj plenplena da timo pro naciig-movado de nafto kaj ankaŭ kontraŭ-koloniisma batalo.

16-jara Forug en ĉi tia etoso kreskis kaj prenis flugilon. Ŝiaj amaj leteroj kiuj estis skribitaj dum tiuj tagoj diras nin kiel kaj ĝis kie estis ŝi amanta, sentrankvila, turbulentema, saĝa, klara, sincera, enkaptita, ... .

Ŝiaj verkoj ne lasas nin ian dubon ke ŝi almenaŭ estis dek jaroj antaŭ siaj samtempaj samranguloj edukitaj rigarde al kompreno de multaj punktoj.



Portreto de Forug far de ŝi mem

La unua poemaro nome "Kaptito" publikiĝis en 1952. Forug per tiu ĉi poemaro fariĝis fama." Famiĝo de Forug ne estis pro esprimo klara de seksaj kaj amaj temoj. Sed estis pro ŝia tono kiun aliaj poetinoj antaŭaj ne havis. Ĉar ili ĉiuj, eĉ en amaj poemoj aŭ seksaj rakontoj siaj, uzadis viran tonon kaj lingvon".[16]

Vivo de juna Forug ne trapasis en kadro tradicia de samaĝuloj kaj samtipaj fraŭlinoj. Ŝi ne povis en normala kaj tradicia normo travivi. Ŝia libereco estis iu ŝranko en sia patrodomo kiun ankaŭ oni atakis. Ŝi en sia edz-domo ankaŭ estis sentrankvila. Ŝi tiam fakte estis poetino, virino kiu jam bone skribis kaj bone poemis.

La medio estis kaptita per ŝiaj revoj. Ŝi multe legadis, pleniĝadis kaj ŝiaj superfluoj iĝis poemo plenplena da virina sento. Ŝi ne akceptis ke ŝia poemo estis "virina" kaj ŝi opinis "Se mia poemo iomete havas virinan etoson, estas normale ĉar mi estas virino. Sed se iu intencas mezuri artajn valorojn, sekso ne povas esti rigardata".[17]

Post "Kaptito" kiu fakte estis "esprimo de kaptiteco" kaj ne arta esprimo de kapti, "Muro" kaj "Ribelo" ankaŭ estis publikitaj.

Ĉitiuj tri poemaroj, malgraŭ diferencoj kaj ankaŭ malgraŭ ekzisto de ne malkonfesebla evolu-linio el la unua ĝis la tria, estas rigardataj kiel unu periodo de poezio ŝia lingve, forme, rigarde kaj enhave.

La poezia enhavo de tiuj tri poemaroj estas tiu duopa temo konata per romantikismo; foje estas doloro, amaro de vivo, malgajo, ĉagreno, morto, soleco, timo el morto, kaj foje estas amo, peko, volupto, ĝojvolemo, plezuramo, …. La lingvo de poemoj estas simpla, sen-ornamaĵa, eksplicita, plendema kaj ribela en formo de "kvaropa" parteto kiu estis kutima tiam.

Rigardo de Forug en tiuj poemaroj estas rigardo de iu virino kiu estas batalanta kontraŭ vivaj personaj problemoj; la virino kiu estas sola, plendema, kun sens-ondoj patrinaj, virinaj. Enhav-linio de tiuj poemoj trapasas surfacon, sen ajna haltejo kaj pripensado. Koncize, formo de poemaro dum tiu intervalo malgraŭ ekspliceco, sincereco, ribelo kontraŭ tradicio kaj sociaj normoj kaj reguloj, sentimo en esprimo de temoj serioze prohibitaj, poezi-esence estas malfortaj kaj enhave estas sensemaj kaj malprofundaj .

Ŝi daŭrigis sian vojon: "…post ĉiu spertoj, tentoj, trapasi tempon de vagabondo kaj samtempe serĉado"[17] ŝi eklernis manieron por rigardi sian mondon kaj esprimi tion. "Nima malfermis miajn okulojn kaj diris min: Rigardu! Sed rigardon mi mem ellernis."[17]

Ŝi klopodis trovi novan "lingvon" aŭ esprim-manieron kaj samtempe trovi sian apartan stilon karakterizan. Ŝi ĝuste distingis la gravan mankon tiaman: "manko de diversaj vortoj"[17] kiuj estas konvenaj por tiama viv – maniero." Ĉar nia vivo estas ŝanĝita kaj novaj konceptoj estas antaŭ ni kiuj aldonas por ni novajn sentojn kaj por esprimi tiujn sentojn ni bezonas novajn vortojn. Tiuj vortoj ne ekzistis en nia poezio antaŭe kaj pro tio apliko de tiuj vortoj estas tre malfacile. Mi klopodas enirigi tiujn vortojn en poezion kaj mi pensas ĉi tiu afero estas ĝusta afero. Ĉar se hodiaŭa poezio volas esti vivanta poezio, ĝi devas uzi ĉi tiajn vortojn kaj apliki tiujn en si mem."[17]

La plej nova aspekto de Forug estas en "Alia Naskiĝo" kiu vere estis alia naskiĝo de Forug. En tiu ĉi libro la formo kaj enhavo estas tute alia kompare kun antaŭaj verkoj ŝiaj; amo plenkreskinta, emocio trankviliĝinta, etoso mistika estas elstaraj punktoj de ŝiaj verkoj en tiu libro.

Kelkaj punktoj estas karakterizaĵoj de ŝiaj verkoj: sincereco, preterrigardo de fortaj tradiciaj bariloj, novaj vort-kombinaĵoj, ….
Ŝi esence estis poetino sed ankaŭ estis interesita al aliaj art-branĉoj: Kino (Ŝia verko nome "La domo estas nigra" gajnis la unuan premion en dokumenta film-festivalo en 1964 en Germanio), teatro (Ŝi ludis en kelkaj teatraĵoj kaj ankaŭ tradukis kelkajn teatrajn tekstojn), pentrado.

Ŝi mallonge vivis sed ŝia vivo estis tre fruktodona kaj plenplena de verkaĵoj artaj.

*Notoj:*

*1. Irana mondfama poeto (oka jarcento), oni nomas lin ankaŭ kaŝ-lingvulo pro lia poem-etoso mistika*
*2. Barahani / Reza, "Oro en kupro"*
*3. Irana mondfama poeto (dua jarcento) kiu verkis graven poemaron, nome Ŝahname kiu estis komplete perslingva dum penado de araba lingvo por regi persan lingvon*
*4. Perslingve Forug signifas lumeco*
*5. Grava historia punkto de Irano, ekde kiam longedaŭra luktado de Iranoj por libereco prenis novan formon kaj post tio parlament-sistemo estiĝis en Irano*
*6. Vidu 5-an numeron de Irana Eaperantisto, p.10; 'Floroj el "La Florejo" de Sadio'*
*7. Vidu 5-an numeron de Irana Eaperantisto, p.4; 'Rumi(Moŭlana), La plej Granda Mistika Poeto'*
*8. Zarinkub/Hamid , "Nova persa poezio pejaĵo"*
*9. Oni tiel nomis la reĝo en sia flatado por esprimi sian sincerecon al la reĝo*
*10. Nia samepoka poeto kiu havis la plej gravan rolon en moderna poezio de Irano*
*11. Nomo de iu poemo de Nima*
*12. Hoghughi/Mohamad, 'Nia samtempa poezio'/ Forug kajero*
*13. Poemaro de Forug Farroĥ-zad, Morvarid eldonejo*
*14. Ataŝi/Mahmud, "Tiu kiu similas al neniu"/ Forug poemo*
*15. Irana fama samepoka poeto kiu havis grava influon al Forug kaj ankaŭ al Irana poezio*
*16. Fama film komponinto*
*17. Araŝ Revuo/ No.1 Dua periodo/Dialogo kun Forug*

**Perslingve pri Forug en interreto:**
http://www.forughfarrokhzad.org/
http://www.forughfarrokhzad.com/

# *Mekanikpupo*

*Pli ol tio, ho, jes*
*pli ol tio, oni povas resti silenta.*

*Oni povas longajn horojn,*
*per fiksrigardo kiel tiu de mortintoj,*
*gapi al fumo de cigaredo,*
*gapi al formo de taso,*
*al senkolora flor' de tapiŝ'*
*al iluzia, surmura lini'.*
*Oni povas rigidfingre*
*flankentiri la kurtenon kaj ekvidi:*
*en l' aleo pluvegas;*
*infano kun buntaj kajtoj*
*staras sub iu arko;*
*malnova ĉaro placon malplenan*
*plenbrue kaj akcelante forlasas.*

*Oni povas ankoraŭ resti*
*ĉe l' kurteno, sed blinda, sed surda.*

*Oni povas*
*per voĉo ege falsa, ege fremda*
*ekkrii: "Amas mi".*
*Oni povas en venkemaj brakoj de viro*
*esti bela, sana ino.*

*Kun ledsimila korpo,*
*kun du grandaj firmaj mamoj,*
*oni povas en lito de ebriulo, frenezul',*
*vagabondo*
*makuli senpekecon de iu amo.*

*Oni povas sagace humiligi*
*ĉiun enigmon strangan.*
*Oni povas okupiĝi nur pri solvado de kruc-*
*vortenigmo:*
*oni povas kontentigi sin nur per eltrovo de*
*senutila respondo:*
*jes, senutila respondo, kvin aŭ ses literojn*
*longa!*

*Oni povas tutan vivdaŭron surgenui*
*kapklininte, piede de malvarma tomb-*
*ornamaĵo.*
*Oni povas vidi dion en nekonata tombo.*
*Oni povas kredantiĝi per senvalora monero.*
*Oni povas ade putri en ĉambretoj de*
*moskeo,*
*kiel legisto maljuna de pilgrim-preĝaro.*

*Oni povas kiel nulo en subtraho, adici' kaj*
*multiplik'*
*ĉiam estigi saman rezulton.*
*Oni povas viajn okulojn en iliaj malpac-*
*kokonoj*
*imagi kiel butonaĉoj de malnova ŝuoparo.*
*Oni povas kiel akvo elvaporiĝi en sia foset'.*

*Oni povas honteme kaŝi belecon de*
*moment'*
*kiel ekfoton nigrablankan ridigan*
*en la fundon de la kesto.*
*Oni povas en tago-kadron malplenrestintan*
*pendigi bildon de kondamnito, venkit', aŭ*
*krucumito.*
*Oni povas kovri truon de la muro per*
*portretoj,*
*oni povas unuiĝi kun pli absurdaj bildaroj.*

*Oni povas esti kiel mekanikpupoj*
*kaj tra vitra okulparo, vidadi mondon la*
*sian.*
*Oni povas ene de kesto drapumita*
*kun korpo pajloplenigita*
*longajn jarojn dormegadi inter tuloj kaj*
*brilaĵetoj.*
*Oni povas per ĉiu premo diboĉema de iu*
*mano*
*senkaŭze ekkrii kaj diri:*
*"Ho, tre feliĉa estas mi!"*

# Vento kunportos nin*

*En eta nokto mia, sopire*
*Vento rendevuas arb-foliojn,*
*En eta nokto mia estas angoro de detruo.*

*Aŭskultu!*
*Ĉu vi aŭdas blovon de mallumo,*
*Mi rigardas al ĉi feliĉo fremde,*
*Mi kutimas al mia malespero.*

*Aŭskultu!*
*Ĉu vi aŭdas blovon de mallumo.*

*Tra nokto nun io trapasas,*
*Luno ruĝas kaj maltrankvilas*
*Kaj sur ĉi tegmento kie daŭre estas timo de disfalo*
*Nuboj, kiel amaso da funebrantoj*
*Kvazaŭ la momenton de pluvo atendas.*

*Unu momento,*
*Kaj poste, nenio.*
*Malantaŭ ĉi fenestro, nokto tremantas*
*Kaj la ter'*
*Haltantas rotacion,*
*Malantaŭ ĉi fenestro iu nedifinita*
*Maltrankvilas pri mi kaj vi.*

*Ho! tutkorpe verda,*
*Viajn manojn kiel rememoraĵojn brulantajn, metu en miajn amantajn manojn*
*Kaj viajn lipojn kiel percepton varman pro ekzisto*
*Al karesoj de miaj lipoj amantaj deponu!*

*Vento kunportos nin kun si mem,*
*Vento kunportos nin kun si mem.*

*Fama filmo de Abbas Kiarostami, renoma irana reĝisoro estas inspirita de kaj samnoma kun tiu ĉi poemo. La scenaron kunverkis li kaj s-ro Mahmud Ajdin.

# Al ŝi pardonu

*Al ŝi pardonu,*
*Al ŝi kiu fojfoje*
*Dolaran ligon de ŝia ekzisto*
*Kun stagnaj akvoj*
*Kaj malplenaj truoj forgesas*
*Kaj stulte pensas*
*Ke ŝi havas la rajton vivi.*

*Al ŝi pardonu,*
*Al indiferenta kolero de bildo*
*Kiu fora deziro de movo*
*En ŝiaj paperaj okuloj likvidiŝas.*

*Al ŝi pardonu,*
*Al ŝi tra kies tuta ĉerko*
*Fluo ruĝa de luno trapasas*
*Kaj malserenaj odoroj de l' nokto*
*Dormon miljaran de ŝia korpo*
*Senordigas.*

*Al ŝi pardonu,*
*Al ŝi kiu ene estas dispartigita*
*Sed ankoraŭ ŝiaj okul-haŭto pro imagante lumerojn brulas*
*Kaj senutilaj hararoj ŝiaj*
*Senespere pro penetro de amaj spiroj tremas.*

*Ho! loĝantaro de simpla lando de feliĉo,*
*Ho! kunuloj de malfermitaj fenestroj dum pluvo,*
*Al ŝi pardonu,*
*Al ŝi pardonu,*
*Ĉar ŝi estas ravita,*
*Ĉar radikoj de via fruktodona ekzisto*
*En grundoj de ŝia fremdeco sapeas*
*Kaj ŝian kredeman koron*
*Per frapoj malicaj de sopir'*
*En angulo de ŝia brusto ŝveligas.*

Tradukis: Nazi Solat

# La Rozo

Rozo
Rozo
Rozo
Li min kondukis en roz-ĝardenon
Kaj en mallumo pendigis rozon de miaj haroj, la timemaj
Kaj finfine
Kunkuŝis kun mi sur rozfolion
Ho kolomboj paralizitaj
Ho senspertaj menopaŭz-arboj, ho blindaj fenestroj
Sub mia koro kaj funde de mia tali', nun
Rozeto ekkreskas
Rozo
Ruĝa
Kiel flago en
La tago de reviviĝo
Oh mi gravedas, graveda, gradeva

Tradukis: Fariba N.Maĝd

# Hamid pri Forug





*Hamid Mosaddeg (1938-1998), mem tre renoma poeto de nutempa Irano, en sia poemlibro nomata* Az Ĝodaiha, *tio estas "Pri la disiĝoj", nostalgie poemas ankaŭ pri Forug. Nomo de lia poemaro, plejeble aludas al la komencaj versoj de la Masnavio, la verkego de Moŭlana, okcidente fama je Rumi (1207-1273):*
*"Aŭskultu al kan', kiel rakontas*
*Ĉar pri la disiĝoj ĝi ja plendas:*
'Ekde oni elkanejigis min
*mia-krie lamentis vir', virin' ...'"*

*Multaj rigardas al tiu ĉi enkonduka poemo de Rumio al Masnavio kiel la koncizo de la tuta ses-voluma verko volumena. Eble la kano simbolas Rumion mem, kiel hom(ar) on kiu disigite de sia spirituala memo, el sia originala hejmo, venis/falis en ĉi mondon fremde materialan, kaj lamentige prilplendas la disiĝon kaj sopirege deziras reiron al sia mem(ej)o. En la kanejon, ankaŭ Hamid aliĝis al Forug kelkajn jarojn antaŭe...*

*Jen traduko de la poemo de Hamid pri Forug:*

***Tiun mia koro sopiras***
***Kiu alportis honestan sunon***
***Kiel gaston al la floroj de ĝarden'***
***Kaj donadis al la ventoj***
***- sian longan hararon***
***Kaj donacis al la akvo***
***siajn blankajn manojn***

***Tiun mia koro sopiras***
***Kiu gapigis siajn belajn okulojn***
***Al la blua fundo de la maro inversa***
***Kaj kiu kantis kiel la birdoj ĝojajn poemojn***

***Tiun mia koro sopiras***
***Kies koro tristiĝis pro la mia***
***kiel senpeka infano***
***Kaj donacis l' afablon***
***- al mi***

***Tiun mia koro sopiras***
***Kiu kuniris plej norden kun mi la nordon***
***Kaj kunestis plej sude kun mi la sudon***
***Kiu restis sene de mi***
***Kiu ne estas kune kun mi***
***Kiu ...***
***- sufiĉas, sufiĉas jam***

Tradukis: A.R. Mamduhi

**Fonto**: Mosaddeg, Hamid. *Az Ĝodaiha* (Pri la Disiĝoj), 3a eld., Tehrano: Amir-Kabir, 1982, (1a eld. 1979), 95 p., p.47-8.

# Al Forug, la Unua

*Mi ne konis aliulinon*
*Kiu sin kantis tiel sen limo*
*Vi estis l' unua virino*
*Parolanta pri ĉio*
*Vi ne rekonis la baregojn*
*Kiuj katenis eĉ la virojn*
*Tiel kiel mi memoras*
*Unue vi estis kaptito**
*Ne permesata fari ion*
*Tedan tempon vi suferis*
*Ĉar estis malantaŭ muroj**
*Tie ĉiam estis distanco*
*- Kiel vi poste malkaŝis -*
*Inter fenestro kaj vido[1]*
*Tamen saman tempon en vin*
*Kolektiĝis ia protest'*
*Sekve vi ekis ribelon**
*Kontraŭ ĉio malliberiga*
*Malgraŭ ĉio kredita*
*Vi iris al gelepruloj*
*Kaj montris ke l' domo nigras**
*Certe multon kostis al vi*
*Naĝado kontraŭ fluo*
*Sed la premoj vin fortigis*
*Tiel vi ekrenaskiĝis**
*Eltrovinta vian memon*
*Nun tre saĝa kaj matura*
*Vi jam ĉion superrigardis*
*Sed ve, ĉar kion vi ekvidis*
*Kredigis vin al vintro*
*Frida sezon' vin ĉirkaŭis**
*Kiel virinon solrestintan*
*Ĉe amara ekkompreno de poluciita estado[2]*
*Se akcidento vin ne forrabus[3]*
*Kien vi antaŭenirus?*
*(Ĉu estis vere akcident'?*
*Aŭ nur post la senesperiĝo*
*Aŭ eble ia seniluziiĝo*
*Vi jam estis delasinta*
*Vin al ajno kaj fatal'?*
*Vere tio sciindus*
*Saman emon mi ĉiam sentas*
*Rilate al Alber Kamo[4]*
*Kiu junaĝe foren flugis*
*Ankaŭ lin eble absurdo*
*Foren portis el la mondo*
*Absurdo devena de ekzistencial'*
*Lin trairis malfortigunte*
*Do eblas ankaŭ lia akcident'*
*Estis ago de nekonscienc' ...)*
*Kvankam mallonge vivis vi[5]*
*Sed via vivo jam ĝuis larĝon*
*Vi ĉion spertis de frua aĝ'[6]*
*Vi trapasis de etap' al etap'*
*Ekzistas multaj kiuj aĝegis*
*Sed ankoraŭ foje ne povis*
*Vidi l' ĝardenon tra la tru'[7]*
*kombi la hararon kontraŭ la vent',*
*Aŭ sur l' glasoj fari dancadon[8]*
*Neniam ilin forportos la vent'[9]*
*Ne iam ili kuraĝis imagi*
*Al iu la malpacajn okulojn*
*Kiel malnovajn ŝu-butonaĉojn![10]*
*Ĉiuokaze vi forflugis*
*Dum sezono de l' frostad'[11]*
*Kiam ankoraŭ via voĉo*
*Pri l' frosto ne sonintis[12]*
*Kiam ankoraŭ vi ne renkontis*
*Primaveron post la vintr'*
*Vi foriris sed restigis*
*Post vi vojon daŭrigindan*
*Por posteuloj pluprogresi*
*Kaj proksimigi al si la memojn*
*Tion vi faris ne nur por inoj*
*Sed por ĉiuj liberemuloj.*

De: Asad Mahbub

***NOTOJ:***

*Jen titoloj de ŝiaj poemlibroj kaj plej fama filmo kronologie: La Kaptitio (1955), La Muro (1956), dediĉita al ŝia eksedzo, La Ribelo (1958), La Domo Estas Nigra (1962), dokumenta filmo pri lepruloj, Alia Naskiĝo (1964), Ni Ekkredu la Komenciĝon de l' Frida Sezon' (1965).

1- "Inter fenestro kaj vido/Ĉiam ekzistas distanco./Kial mi ne krigardis?/ ...". El: Ni Ekkredu la Komenciĝon de l' Frida Sezon', en: Esmaili, A., Sedagat, A. (kompilintoj) *Gavdane Foruge Farroh-zad* (La Eterna Forug Farroh-zad), Tehrano: Marĝan, 1968 (2a eld.), 363., p.345-354.

2- Ŝia longa poem(libr)o, Ni Ekkredu la Komenciĝon de l' Frida Sezon', komenciĝas per: "Kaj tio estas mi /Virino sola /Ĉe l' sojlo de l' frida sezon' /Ekkomprenante pri l' poluciita estado de la tero/Kaj malespero simpla kaj trista de l' ĉielo/...,". El: Ni Ekkredu la Komenciĝon de l' Frida Sezon', en: Esmaili, A., Sedagat, A. (kompilintoj) *Gavdane Forug Farroh-zad* (La Eterna Forug Farroh-zad), Tehrano: Marĝan, 1968 (2a eld.), 363., p.345-354.

3- Forug forpasis sekve de aŭto-akcidento.

4- Albert Camus (1913-1960), franca verkisto, naskita en Alĝerio, aljuĝita Nobelpremion pri literaturo en 1957. Ankaŭ li forpasis sekve de aŭto-akcidento. Liaj ĉefverkoj: La Fremdulo (1942), La Plago (1947), La Ribelo (1951) kaj La Falo (1956).

5- Kiam ŝi forpasis ŝi estis 32-jara.

6- Ŝi edziniĝis 17-jaraĝe al sia kuzo malgraŭ malkonsento de la familioj precipe pro ilia aĝ-diferenco. Ili disiĝis post 3 jaroj.

7- "Ĉiuj scias, ĉiuj scias/Ke vi kaj mi tra tiu frida apertur' severa /Vidis la ĝardenon/Kaj de tiu ludema branĉo for-de-mana/Ni deŝiris la pomon//Ĉiuj timas/Ĉiuj timas, sed vi kaj mi/Aliĝis al la lumigilo kaj akvo kaj spegul'/Kaj ne timis/...". El: La Konkero de l' Garden', en: Farroh-zad, Forug. *Tavallodi Digar* (Alia Naskiĝo), Tehrano: Morvarid, 1994 (21a eld.), 155p., p.113-117.

8- "Ĉu mi denove kombos mian hararon /Kontraŭ la vent'?/Ĉu mi denove plantos penseojn en la ĝardenet'?/Ĉu l' geraniojn/Mi metos en l' ĉielon malantaŭ la fenestr'?/Ĉu sur l' glasoj mi dancos denove?/...". El: Ni Ekkredu la Komenciĝon de l' Frida Sezon', en: Esmaili, A., Sedagat, A. (kompilintoj) *Gavdane Forug Farroh-zad* (La Eterna Forug Farroh-zad), Tehrano: Marĝan, 1968 (2a eld.), 363., p.345-354.

9- "Ekzistas aleo, kie/Knaboj kiuj amis min, ankoraŭ/Kun samaj taŭzitaj hararoj kaj maldikaj koloj kaj malgrasaj piedoj/Pensas pri senpekaj ridetoj de knabineto, kiun iun nokton/La vento forportis kun si/ ...". El: Alia Naskiĝo, en: Farroh-zad, Forug. *Tavallodi Digar* (Alia Naskiĝo), Tehrano: Morvarid, 1994 (21a eld.), 155p., p.150-155.

10- "... Oni povas viajn okulojn en iliaj malpac-kokonoj/Imagi kiel butonaĉoj de malnova ŝuoparo/Oni povas kiel akvo elvaporiĝi en sia foset'/...". El: Makanikpupo, en: Farroh-zad, Forug. *Tavallodi Digar* (Alia Naskiĝo), Tehrano: Morvarid, 1994 (21a eld.), 155p., p.65-69

11- Ŝin oni enteriĝis dum neĝado februara en 1967.

12- Ŝia lasta poemlibro, Ni Ekkredu la Komenciĝon de l' Frida Sezon', eldoniĝis post ŝia forpaso.

# "Irano? Vi ŝercas!"

**Martin Markarian**

Tiel kaj simile homoj reagis kiam mi informis ilin pri mia plano viziti landon kiun multaj el miaj samlandanoj en Germanio nur konas el la novaĵoj (kaj kiel konate: „nur malbonaj novaĵoj estas bonaj novaĵoj"). Mi supozas ke la plimulto de miaj samlandanoj eĉ ne scias lokigi Iranon sur mapo.

La vojaĝplano jam longe okupis lokon en mia kapo, kaj ĝi pli kaj pli konkretiĝis – ĝis antaŭ kvar jaroj mi finfine realigis ĝin. Ankoraŭ hodiaŭ mi ofte pensas pri tiuj du neforgeseblaj semajnoj en lando kiu tiel malsimilas al la bildo, kiun eĉ mi havis pri ĝi.

> Multe pli bone ol antaŭe mi nun komprenas la hejmsopiron de miaj iranaj geamikoj en Germanio, kiuj trovis ĉi tie tute malsamajn kondiĉojn.

Mi ne volas rakonti pri la vidindaĵoj de la lando (kiujn la iranaj legantoj de ĉi-artikolo konas multe pli bone ol mi), sed memori kelkajn el miaj personaj spertoj kun la homoj, en komparo kun tio kion germanoj laŭ mia sperto scias pri tiu parto de la mondo.

Nu, unue mi devas – kun honto kaj respekto – diri ke la scio de ordinaraj irananoj pri mia lando estas ĝenerale multe pli bona ol inverse. Demandante kelkajn germanojn kion fakte ili scias pri Irano mi ricevis la jenajn respondojn:

- Irano estas araba lando (!)
- Irano estas danĝera lando por vojaĝantoj
- La homoj tie estas radikalaj islamanoj
- La reĝimo apogas terorismon
- La ĉefurbo estas Tehrano
- Irano estas evolua lando
- Virinoj estas subpremataj en Irano
- Okazis revolucio tie antaŭ dudek jaroj

Ĉu ne estas milito tie?

Nur kelkaj el miaj amikoj estis pli bone informitaj pri la lando. Neniu tamen sciis ekzemple kiu estis Hafez, kiu estas la nuna ŝtatestro, kiom granda la lando estas, kaj simile.

La plej multaj homoj surstrate en Irano, kun kiuj mi sukcesis iom komuniki volonte elŝutis sian scion pri Germanio. Kaj kutime mi renkontis altestimon. Iom mirita mi trovis la fakton ke kelkaj kiujn mi renkontis ankaŭ laŭdis Hitler kaj lian politikon. Eĉ pli multaj ŝajnis konvinkitaj de la –historie certe malĝusta– fakto ke estas iu speciala prahistoria ligo inter la germana kaj irana popolo. Mi kredas ke tiu historia falsaĵo ŝuldiĝas al la nacisocialisma koncepto pri "arja" deveno de la germana popolo. Kaj la propagando dum la dua mondmilito emfazis



tion en Irano ĉar Hitler volis havi influon en tiu parto de la mondo (vidu la stacidomon de Tehrano).

Mi tre ĝojis pri la fakto ke preskaŭ ĉiuj irananoj jam almenaŭ aŭdis la nomon de la germana verkisto Goethe, kaj multaj eĉ legis ion de li (kontraste al multaj germanoj).

La por mi plej memorinda sperto de la vojaĝo estis tamen la nekredebla gastamo de la irananoj. Antaŭ Irano mi vizitis jam ĉirkaŭ 50 aliajn landojn de la mondo, sed povas sen ajna troigo konstati, ke tiel bonvena mi neniam antaŭe sentiĝis. Tio kompreneble speciale validas por mia nepre menciinda esperantista gastiganto Hamzeh Shafiee (pardonu Hamzeh, mi ne povis ne mencii vian nomon), ĉe kiu mi restadis en Tehrano, kaj ĉe kies familio mi sentis min preskaŭ kiel familiano. Sed ankaŭ dum mia vojaĝado mi – fremdulo – estis plurfoje invitita al privataj domoj, kvankam pro tempomanko mi ne havis ŝancon akcepti tion. Eble tio parte ŝuldiĝas al la fakto ke preskaŭ ne estas turistoj en Irano, sed mi kredas ke grandparte la gastamo estas ankaŭ tradicia afero.

Mi lernis ke la rolo de religio kaj la influo de la ŝtataj instancoj estas tre malsamaj ol de ekstere perceptitaj. Ankaŭ la familiaj rilatoj de irananoj aperas al mi nun en tute alia lumo. Speciale impresis min la sento de komuneco en relative grandaj familiaj kadroj, la humoro de la homoj kaj ilia amo por infanoj. Multe pli bone ol antaŭe mi nun komprenas la hejmsopiron de miaj iranaj geamikoj en Germanio, kiuj trovis ĉi tie tute malsamajn kondiĉojn.

Intertempe mi fariĝis patro, kio iom limigas miajn vojaĝajn dezirojn, sed mi certas ke mi denove vizitos tiun belan, kulture kaj home riĉan landon. Iranaj esperantistoj estos ĉiam tre bonvenaj ĉe mi kaj mia familio, kaj mi certe provos iel reciproki la gastamon kiun mi spertis en ilia lando.



*Said Borhani estas aktiva e-isto en Maŝhado. Li lernis E-on pere de koresponda E-kurso de Irana E-Centro kaj tuj fariĝis unu el la plej aktivaj samideanoj en la oriento de Irano.*
*Said estas ĉefmotoro de la projekto "Lingvo de Paco" kaj sekve de lia penado la projekto brile sukcesis. Fininte sian studadon pri matematiko li jam interesiĝis al angla tradukado kaj nun studas ĝin en Maŝhad-universitato*

## Atentu la brik-pecon !

**Iutage riĉulo en sia nova multe-kosta aŭto tro rapide pasis maltumultan straton. Subite knabeto ĵetis brik-pecon al li de inter du parkitaj aŭtoj sur la strat-flanko. La brik-peco koliziis la aŭton. La riĉulo haltigis sian aŭton kaj rapide elaŭtiĝis kaj vidis ke lia aŭto multe damaĝiĝis. Li iris al la knabeto kaj skoldis lin. La knabeto plorinte kaj klopodinte povis finfine altiri la atenton de la riĉulo al la trotuaro, kie sia frato paraplegia estis falinta je la rulseĝo. La knabeto diris: "Tiu-ĉi strato estas maltumulta kaj malofte iu pasas tra ĝi. Mia pliaĝa frato estas falinta je sia rulseĝo sur la grundon kaj mi ne havas sufiĉan forton por levi lin. Por haltigi vin mi neeviteble uzis tiun brik-pecon. La riĉulo tre malgajiĝis kaj pardon-petis de la knabeto. Li levis la fraton de la knabeto kaj eksidigis lin sur la rulseĝon kaj eniĝis en sian multekostan aŭton kaj malrapide ekdaŭrigis sian vojon.**

**"En vivo ne veturu tiel rapide ke aliuloj neeviteble ĵetu brik-pecon al vi por altiri vian atenton !"**

**Dio flustras en niajn animojn kaj parolas al niaj koroj. Sed kelktempe kiam ni ne havas tempon por aŭskulti, li neeviteble ĵetas brik-pecon al ni. Ni havas aŭtoriton aŭskulti aŭ ne !**

Said Borhani

# Post Ŝima

Verkita de: Ŝirin Ahmad-Nia

Ŝima forpasis. Ne post longa laciga, kaj rutina vivado, sed en la aĝo, pri kiu oni diras "la furoro de l' juneco". Ŝian morton ne povis kredi ŝia edzo, nek la gepatroj, kaj ankaŭ ne la kelkjaraĝa filineto de ŝi, kiu krome ne povis tion kompreni. Tamen, efektive tio jam okazis kaj tio signifis ke Ŝima plu ne vidiĝis en sia hejmo, ŝi plu ne povis ridi, kaj ekzemple, ŝi plu ne sopirus pri ordinaraj dezirindaĵoj, kiel multaj aliaj homoj. Alivorte, ŝi atingis al ia "sen-bezoneco", stato, kiu laŭ ŝia ŝatata fakultata profesoro egalus al "feliĉo". Plejeble, ŝi antaŭe deziris atingi al tia stato en la viva mondo, sed laŭ-ŝajne nun ŝi atingis tion en la mondo post vivo!

Nu, post ŝia forpaso, ĉio en la mondo, kiel antaŭe, antaŭeniris. Kokoj frumatene kokerikis en la vilaĝoj kiel ĉiam, kaj la fum-tuboj de fabrikoj fumadis ankoraŭ en la urboj. Oni diris ke ŝia gepatra familio tiel ĉagreniĝis. La edzo, li ne ploris – almeanŭ ne en publiko, kaj nek parolis. Ŝia morto estis subita.

Ŝima kaj la edzo jam multfoje pri-parolis la fenomenon 'morto' kun unu la alia. La enigmo de 'estado' kaj 'ne-estado' estis ordinara paroltemo ĉe ili, malsimile al siaj ĉirkaŭuloj kiuj malŝatis tiajn temojn kaj evitis paroli pri tio entute. La paro jam kelk-foje travivis la perdon de relativoj aŭ ge-amikoj. Sed ĉi-foje, temis pri 'unu'-iĝo de ili 'du'. Tio estis alia afero! Ĉiuj ĉirkaŭe konfesis ke ili formis feliĉan paron, precipe kiam al la paro aldoniĝis la frukto de ilia amo, la filineto dolĉa!

Amikinoj de Ŝima -ne malmultaj- ĉe informiĝo je ŝia forpaso tuj reagis veante:
- kia afabla amikino!
- Ĉiam ŝi ridetemis!
- Ŝi estis tiel diligenta!
- Ho, sen la patrino, kio okazos al la malfeliĉa filineto ŝia!
- Plejeble ŝia edzo baldaŭ re-edziĝos!
- Tamen neniam la duon-patrino egalos al propra panjo! Pasos malfacile al la filino.
- Kia kruela mondo!
- Ho, ve!
(post sekundoj)
- Ĉu vi aŭdis pri Sara?
- Ne, kion?
- La kuzino diris ke ŝi trovis tiel riĉan fianĉon! Iom maljunas, tamen li jam donacis al ŝi ringon kun diamondo, similan oni ne trovus ĉe kiu ajn fianĉiĝo-festo ĉi-tie. Ruzulino mem ĝis nun ne malkaŝis eĉ vorteton pri li al ni!
- Ĉu vere? Interese! Kion plu vi aŭdis?

***

De Ŝima restis kelkaj oraĵoj, iom da vestoj ankoraŭ ne-eluzitaj (iujn ŝi eĉ neniam surmetis), universitata diplomo, multaj libroj kaj libretoj, kelkaj magazinoj kun ŝiaj artikoloj aŭ poemoj presitaj en ili (de tempo al tempo ŝi verkis ion). Ŝima ŝatis kolekti familiajn fotojn. Abundis albumoj ĉirkaŭe. Ŝi ŝatis vidi kiel la tempo-paso sin montras tra fotoj de homoj ĉirkaŭ oni, je naskiĝoj, maturiĝoj, maljuniĝoj. Daŭra ripetiĝo.

Iu diris: Ho, se mi scius tiom mallonge ŝi vivos, mi klopodus pli-afabli al ŝi, almenaŭ, malpli ĝeni ŝin!
Aliulo diris: Ne nur ŝi vivis mallonge. Tiaj personoj troviĝas multe ĉirkaŭ ni, se ni bone rigardu. Ni devus klopodi ne perdi tempon por bon-fari antaŭ ol estas tro malfrue! Ni fakte, ĉiam havas mallongan tempon, antaŭ ol perdi amikojn!
- Sed kiu vere gajnas, tiu kiu restas aŭ tiu, kiu foriras?!

# Floroj el "La Florejo" de Sadio

*En la dua parto, vi trovas kelkajn rakontoj el diversaj ĉapitroj de la libro Golestan (Florejo) de la granda persa poeto Sadio.*

*

**Lokman-on oni demandis: " De kiu vi lernis ĝentilecon? " Li respondis: " De kondutantoj laŭ malĝentileco; mi evitis fari tiujn iliajn agojn kiuj ne konformis al la deco."**

***Por inteligentul' ne ekzistas,***
***Senprofita ŝerco aŭ babilo,***
***Sed cent filozofiaj ĉapitroj,***
***Al sensciulo ŝajnas ludilo.***

*

**Mi aŭdis saĝulon dirantan: "Neniel iu sian malsaĝecon konfesas, krom se li ekparolas dum alia parolas kaj ankoraŭ ne ĉesas."**

***Parolo havas komencon kaj morton,***
***Ne venigu inter parolo vorton,***
***Ne ekdiras homo inteligenta***
***Kiam alia estas malsilenta.***

*

**Dio, la plej glora kaj la plej valora, vidas kaj toleras sed najbaro ne vidas kaj koleras.**

*Ni rifuĝas al Alah', se homoj estus sekret-sciaj,*
*neniun lasus trankvila kaj komforta la aliaj.*

*

**Estas rakontite pri preĝemulo ĉiuvespere amase manĝanta kaj poste ĝismatene preĝanta. Piulo informiĝis kaj diris: "Se li manĝus duonpanon kaj poste iĝus dorma, tio estus multe pli norma."**

***Senigu l' internon je manĝaĵoj***
***Por enlumigi ĝin je sciencoj,***
***Vi estas plena ĝis via nazo,***
***Tial vi malplenas de sciencoj.***

*

**Ies bela edzino mortis kaj laŭtradicie ŝia maljuna patrino lia-hejme restis. Kunparolon kun ŝi li devis akcepti kaj kontakton kun ŝi li ne povis eviti, ĝis aro da amikoj venis por lin viziti.**
**Unu el ili demandis: "Kiel vi fartas dum la foresto de via karulino?"**
**Li respondis: "Ne vidi edzinon por mi ne estas tiom malagrabla kiom vidi ŝian patrinon!"**

***Restis dorno kaj forpreniĝis floro,***
***Restis serpent' kaj rabiĝis trezoro.***

*

**Ag-plenumado en pacienco kuŝas kaj hastemulo nur fuŝas.**

***Iam en dezerto mi mem estis vidanta,***
***Ke rapidantan devancis malrapidanta,***
***Rapidan ĉevalon galopo faris febla,***
***Mala kamelo ankoraŭ estis rajdebla.***

*

Tradukis: D-ro Kejhan Sajjadpur



Maŭzoleo de Sadio en urbo Ŝirazo

# Libro-Prezento

***"La Bona Lingvo"*** *de Claude Piron*
*Vieno: IEM, 1997 (2-a eld.), 109 p.*

Certe laŭ ni Esperantistoj, Esperanto estas bona lingvo, eĉ la nura bona lingvo, sed ĉu vi iam pensis pri la kialoj. Laŭ vi, kiuj estas entute la kriterioj por iu lingvo esti bona?

En tiu ĉi libro Claude Piron klarigas pri tiuj kriterioj laŭ sia vidpunkto. Eblas ke en kelkaj punktoj vi ne konsentas kun lia opinio, sed ĝenerale li pravas kiam li de ĉiuj flankoj rigardas al la lingvo kaj eĉ helpas al nia konscio trakti la lingvon laŭ la originala metodo de vortfarado. La plej akra parto de la libro estas kiam Piron kritikas la francan kutimon pri neologismo kaj montras al la leganto ke ni povas esprimi eĉ la plej komplikajn sentojn pere de simpla vortprovizo de origina Zamenhofa propono. La libro ne nur helpas pri la diversaj kriterioj laŭ kiuj ni povas nomi Esperanton la bona lingvo, sed ĝi ankaŭ donas ian pli profundan rigardon al la maniero ni povas enkonduki novajn vortojn en Esperanton.

***"Originala Verkaro"***, *L.L.Zamenhof*
*Komp. J.Dietterle, Ôsaka: Oriental-Libro, 1983, 604 p.*

"Originala Verkaro" estas libro de Zamenhofaĵoj, ne la tuto de liaj verkoj, sed nur eseoj, leteroj kaj paroladoj. En tiu ĉi libro oni povas kompreni la etoson de la komencaj jaroj de la ekzisto de nia lingvo. La leganto konfrontas diversajn proponojn kaj solvojn al diversaj problemoj de la infaneco de la lingvo. Kian persiston havis Zamenhof kaj kiel simple li klopodis kontentigi diversajn homojn kiuj eĉ ne sciis pri liaj celo kaj idealoj. Por mi la plej interesa parto estis la letero kiun Zamenhof skribis en la jaro 1915 post la ekiĝo de la unua mondmilito, al la diplomatoj kaj tie rekomendis al diplomatoj kiel agi rilate al diversaj landoj kaj landlimoj. En tiu ĉi letero ni klare vidas lian antaŭviditan ordon de Europa Unio, la ideo kiu nun iras al realeco.

Oni povas multon skribi pri ĉiuj paĝoj de la libro, sed estas pli bone mem legi ĝin kaj mi rekomendas al ĉiuj Esperantistoj certe legi tiun ĉi gravan verkon kiu montras multajn angulojn de la historio de nia bona lingvo.



### Kio estas mi?

***Ho! mi estas via vivo***
***Mi estas vi mem, kiam vi serĉas min***
***Mi estas en vi, kiam vi sentas min***
***Mi estas via varmo, kiam vi hontas***
***Mi estas via malamo, kiam donacas min***
***Trovu min!***

Said Isavipur

Esperantigis: Anahita Karam-Neĵad

### Kanto de Silento

***La nuboj***
***En plorema rigardo de duonmorta suno***
***Marŝante***
***Iras sur la paŝejon de la ĉielo***
***Kaj min***
***Soligas en tiu ĉi lando nenieca kun trankvilo de via revo***
***Kaj mi akceptemos ĉi tiun amon***
***En tiu tempo***
***Kiam fingroj de via rigardo, disfaligas silenton de iluzi'***
***Kaj min, sidante sur la flugiloj de kolomboj de dezirego,***
***Flugigas al vi!***
***Mi fuĝas de mia fiasko en tiun ĉi tombon de silento***
***Kvankam***
***"La kanto de silento estas bela".***

Behrang Jagubi

Esperantigis: Hamid Reza Kabiri

# Dorfak Pinto

Rostam Mohammadi

Tradukis: Nazi Solat

La profunda blanka valo kiu estas ĉirkaŭita per belaj rokaĵoj kaj blankaj burĝonoj de olivarbojo, kiu aŭtune allogas multajn vizitantojn pro siaj sanktaj olivoj, sendube estas unu el la plej belaj vidindaĵoj de Gilan-provinco en nordo de Irano. Tiu provinco havas multajn historiajn kaj antikvajn konstruaĵojn kaj monumentojn, kiel Ĝam-e Marlik, Rudĥan fortreso…..

En tiu montara regiono kun bona vetero kaj densa arbaro de diversaj arboj, kiel fago, kiam oni trapasas Sepidrud ponton, antaŭ Luje vilaĝo kaj monumentoj de tiu regiono, dekstere de la vojo aperas iu montopinto, kiun maljunuloj nomas Dalfak, kies signifo estis "La Aglejo". Nuntempe ĝi nomiĝas Dorfak. Jen ĝia geografia situacio:
longitudo: 49° 24' 30", latitudo: 38° 48' 30".

La antaŭa nomo ne ekestis senkiale: Dorfak enhavas "ujon" kies vasteco estas pli ol 3×10 m².

En tiu "ujo" ekzistas glacia kavo en kiu rapidflugaj agloj havas siajn nestojn. Tiu pinto dum la jaro estas grimpata per multaj montgrimpantoj de tuta Irano kaj dum kunveno de grimpantoj ĉirkaŭ enirejo de la kavo oni povas aŭdi kriojn de la agloj.
La alteco de Dorfak pinto estas 2705 metroj kaj ĝi havas tri famajn pint-punktojn; nordan, nord-okcidentan kaj sudokcidentan. La pintoj estas videblaj kun malgranda distanco inter ili.

Deklivaĵoj sudaj kaj nordokcidentaj estas kovritaj per arboj kaj fontoj.
Dorfak pinto havas enirejon vulkanan kies nomo estas "glacia kavo". Kelkaj profundaj aperturoj ekzistas en Dorfak kavo. Trapaso de tiuj aperturoj bezonas teknikajn grimp-rimedojn.

Orienta, norda kaj nordokcidenta deklivaĵoj estas tre belaj kaj ties grimpado estas tre malfacila. En norda deklivaĵo, regiono de papavetoj kun folioj grandaj kaj ruĝaj estas tre bela kaj vidinda. De sur la pinto oni povus bone vidi pintojn de Samamus, Ĥamenĉal, Poŝtekuh, kaj Asmansara, kiuj konsistigas aliajn vidindajn pintojn de la regiono.

Ekzistas multaj vojoj por atingi sur Dorfak- pinton:
1- Rostam Abad, ŜirKuh-vilaĝo, Larne, Ĉurkabin/Labikenar, Ĝejruni,Paneŝ (7 horoj)
2- Raĝeun-vilaĝo, Ĉurkabin, Ĝejruni (5 horoj )
3- Dafraz, Deladar, Pitordol, Barzeĥani (5.5 horoj)
4- Divraŝ, Palang Kul, Labikenar, nordokcidenta deklivaĵo, Paneŝ fonto (6 horoj)
5- Sidaŝat, Daŝteban (4 horoj)
6- Sidaŝt, Maadan Sang, Siah Daŝtbon, Sinero dare, Arboagol, Arbonab, Kabk-ĥani(6 horoj)
7- Ŝibon-e Amarlu, Siah Daŝtbon (6 horoj)
8- Ŝahidan, Arbonab (5 horoj)
9- Rudsara, Kordesara, Kafarĥani, Aŝtenif (6 horoj)

Kompreneble grimpi laŭ tiuj vojoj bezonas lokajn gvidantojn.

Iomete sub la pinto estas bela kavo de Nurĉeŝme kaj Sefidab fonto kies akvo fluas kiel rivero kaj akvplenigas la ejojn por fiŝkultivado malsupre.



La konvena ejo por tendumado, ĉe ŝtonaj domoj survoje de Dorfak (unua vojo) nomiĝas Larene kiu estas unika, tre bela montara kaj arbara regiono, kaj malofte oni povus vidi alian similan lokon en Irano.

La plej konvena tempo por grimpado laŭ la 8-a vojo estas dum la dua monato laŭ irana kalendaro kio estas dum aprilo. Dum la oka monato aŭ oktobro la plej bona vojo estas la unua. Ne forgesu alporti botojn kaj akvoimunajn vestaĵojn.

# Afganaj Fragmentoj

## Dank' al projekto "*Lingvo de Paco*" nun Esperanton parolas ankaŭ afganoj! Kaj ili jam komencis movadumi

***Jen kelkaj fragmentoj el la raporto de Afganaj E-istinoj. Tiuj ĉi fragmentoj espereble inspiros la mondan samideanaron kontribui al disvastigado de nia afero inter la entuziasmaj afganoj:***

En la jaro 1380 p.H., t.e. 2001 p.K., la projekto Lingvo de Paco por instruado de Esperanto lingvo al afganaj elmigrintoj en Maŝhado, kun helpo de Irana Esperanto Centro (IEC, aŭ Sabzandiŝan) kaj kun instruado de s-ro Borhani, komencis la laboron. Kaj ankaŭ la Movado de Afganaj Virinoj subtenis la projekton.

Afganoj entuziasme bonvenigis la kursojn ... kaj en la elementa klaso printempa partoprenis ĉ. 70 personoj. Somere alia elementa kurso en alia lernejo sed ankoraŭ kun instruado de s-ro Borhani okazis.

Post tiuj ĉi du kursoj, IEC proponis al plej entuziasmaj lernintoj estigi E-klubon por la afgana nacio. ... En 19a de majo 2003 ... (la klubo) oficiale malfermiĝis. Ni estis invitintaj afganajn konsulejanojn, nombron da afganaj institucianoj en Maŝhado, ke bedaŭrinde ĉiu el ili ial ne partoprenis ... Mesaĝoj de prezidantoj de UEA kaj IEC legiĝis ... Antaŭ la malfermo ni estis enskribintaj 50 personojn (por nova kurso), kaj informinte IECon pri tio, ... ili sendis al ni ĉ. 50 librojn kaj nombron da E-broŝuroj kaj ... ili certigis ke ili sendos al ni instruiston. Tamen ial la instruisto ne sendiĝis al ni. ... du el la afganaj ekslernantoj akceptis instrui ... ĝis kiam IEC-instruisto venu.

Sed, post la malfermo niaj problemoj komenciĝis. Ĉiutage granda nombro da enskriboj, kio altigis la nombron de la lernontoj al 100 kaj ĉ. alia 100 enskribiĝis por la posta kurso ... **Nun ni disponis nur 50 librojn. Kaj la lernantoj (por ĉiu klaso) estis 100. Ni decidis (ĉiufoje) disdoni la librojn en la klaso kaj fine kolekti ilin, tio estis tre malfacila laboro, sed ankoraŭ unu el la plej grandaj malfacilaĵoj por ni estis tio ke la Movado de Afganaj Virinoj sekve de siaj multaj malfacilaĵoj plu ne povis subteni nin, kaj donis al ni nur kelktagan tempon por ke ni trovu novan lokon por nia klubo, sed nin, kiuj ĉiuj estis junaj, neniu pretis subteni, krom pro nesaĝaj kialoj, kiujn ni ne povis akcepti....**

Kaj fine, ni plej dankas al UEA, pro ilia gratulmesaĝo, al IEC pro ilia subteno kaj al s-ro Borhani, nia estimata majstro...

(f-ino) Diana Karimi





*S-ino Tereza Kapista dum decembro 2003 kiel UEA komisiito, dum 10-tagoj starigis en Maŝhado specialajn kursojn por afganaj gejunuloj kaj pli profundigis ilian lingvo-kapablon kio dank al s-ro Said Borhani realiĝis. Jen s-ino Tereza Kapista kun siaj lernantinoj en la Afgana Virina Asocio kie okzis la E-kursoj.*

# Poeto de la laborkampo

**Kompilis: Golam Reza Azarhuŝang**



*S-ro Abdolrahman Zokai, naskiĝis en la 1953 en urbo Hamedan. Lia familio ne estis riĉa kaj li de infaneco devis labori. Do, li ne iris al la lernejo. Kiam li iomete kreskis, migris al Tehrano (la ĉefurbo) kaj kiel infanlaboristo laboris en diversaj eldonejoj. Tiam li havis grandan deziron por ke ne plu resti senalfabeta. Li eniris al vesper-lernejo kaj pasigis kelkajn klasojn. Sed li entuziasme legis diversajn librojn kaj poste fariĝis aktiva sindikatisto. Li en la 1979 edziĝis kaj nun havas du gefilojn.*
*En la 1996 lia unua libro aperis, nomata "Neĝulo", kiu estis rakonto por infanoj.*
*Liaj aliaj libroj por infanoj estas: "Maltrankvila Nubo" ( 1997), "Mehrdad kaj krajono" (1998), "Fiera leono" (1998) kaj kolektivaj notoj de Afganaj infanoj, kiuj elmigiris al Irano, nomata "Reva deziro", tre interesa libro pri malfacilaĵoj kaj deziroj de afgan-infanoj, kiuj estas for de sia patrolando.*

*Liaj senrimaj poemoj ankaŭ estas: "Naskiĝo en dornejo"(1976),"Maltrankvila mondo" (1998) kaj "Vento kaj pluvo" (2000).*
*S-ro Abolrahman Zokai jam laboras kiel eldonisto. Li ankaŭ estas eldonisto de nia revuo " IRANA ESPERANTISTO" kaj ŝatas Esperanton.*

Jen kvin tradukitiaj poemoj de li:

**Espero**
***Kiel mi donu esperon al vi?***
***Gajo estas evento***
***Malgajo estas kutimo.***
***Paco estas evento***
***Milito estas kutimo.***
***Libereco estas evento***
***Despotismo estas kutimo.***

***Kiel mi donu esperon al vi?***
***Frukton de arbo***
***Hazarde ricevas infano.***
***Grundon de Dio***
***Hazarde ricevas la homo,***
***Kaj koston de la laboro***
***Hazarde ricevas laboristo.***
***Kiel mi donu esperon al vi?***
***Diri kaj vivi***
***Estas evento***
***Silento kaj morto***
***Estas kutimo.***

**Floroj**
***En vintroj***
***De mia lando,***
***Burĝonas floroj,***
***Kiuj tute ne timas***
***De frosto.***
***Ili salutas***
***Sunon,***
***Dancas***
***Laŭ muziko de ŝtormo***
***Kaj restas***
***Ene de la montlando.***
***En vintroj,***
***De mia lando***
***Burĝonas la floroj.***

**Refuĝintoj**
***Kiam mi vidis***
***Milojn da elmigrantaj***
***vaguloj,***
***Ne plu bela estis por mi,***
***Birdaj transmigradoj.***
***Grandeco de globtereno,***
***Fariĝis malgranda,***
***Malhela,***
***Kaj malgaja.***

**Lumoj**
***Mia koro,***
***Oh,***
***Kiel enuis.***
***Neonoj***
***Neonoj,***
***Kiuj nokte kaj tage,***
***Brilas ĉiam,***
***Estas eternaj miraĝoj.***
***En interkuraciĝpunktoj,***
***Estas trafiklampoj,***
***Kiuj permesas trapason,***
***Al la homoj.***

***Bruojn,***
***Manĝas la motoroj.***
***Kapturniĝon,***
***Faras la antenoj,***
***Kaj grizaj nuboj,***
***Entiras al si mem,***
***la subon.***

**Serĉado**
***Estas tre multaj homoj,***
***Kiuj grandegajn leĝo-librojn,***
***Parkerigas simple,***
***Kaj rigardas tra muro kaj pordo,***
***Rigadas al ĉiuj vizaĝoj,***
***Serĉante iun akuziton.***

***La homoj,***
***Forgesas siajn infanecojn,***
***Serĉante la feliĉon,***
***Rigardante ĉiujn truojn.***

*Dediĉita al:*
*karmemora s-ro Biĵan Sadigi, kiu amis pri Abol-Ĥejr kaj Ĥaragani – kaj kiu faris multon por nia afero, sennome.*

# Abu-Said Abol-Ĥejr Aliiginto de Mistikismo: de Suferado al Ĝuado

**Ahmad Reza Mamduhi**



Abu-Said Fazl-ol-lah Abol-Ĥejr Ahmad de Mejhano, konata kiel Abu-Said Abol-Ĥejr, unu el la plej famaj mistikuloj de Irano, disvastigis tre revoluciajn sintenojn kaj ceremoniojn en sufiismon en Ĥorasan-provinco malgraŭ multege da kontraŭstaroj de religiestroj kaj eĉ aliaj sufioj. Li naskiĝis en la 7a de decembro 967 p.K. en Mejhan-urbeto ĉ. 80km oriente de Saraĥs-urbo en Ĥorasano de Irano. Abu-Said forpasis en la sama urbeto en la 12a de januaro 1049.

### Ĝuado kaj Suferado

Kvankam ĉiuj sufioj komune havas ĉafajn principojn inter si, tamen oni povas klasifiki ilin laŭ tre diversaj vidpunktoj en multe malsamajn kategoriojn.
Laŭ unu el la plej distingaj kategoriduoj oni povas dividi ilin al "Ĝuantaj mistikuloj" kaj "Suferantaj mistikuloj". Se ni komparu Abu-Saidon ekz-e kun unu el liaj samtempaj mistikuloj grandaj nomata ŝejko Abol-Hasan Ĥaragani (962-1033), la malsamecoj inter ili du tre evidente montros sin ĉi-rilate.

## *Ĥaragani, Suferanta Mistikulo*

Ĥaragani apartenis al grupo de sufioj kredantaj ke la vojo al superaj etapoj de sufiismo pasas tra suferado, aŭ sin-suferigado. Ekz-e, pri li diritas – eble kun troigo - ke ĉe noktiĝo li surmetis vestaĵon el gelimo*, t.e. maldelikata lana ŝtofo, kaj malliberigis sin per ĉenoj. Foje, li mem eldiris al AbuSaid pri iliaj diferencoj tiel ĉi:
**"Via vojo estas tra gajeco kaj ĝojo, kaj nia**

**vojo tra malĝojo kaj tristo".**
Ankaŭ ŝejko Farid-od-din Attar (1119-1229?), mem giganta mistikulo kaj poeto, kiam volis prezenti pri Ĥaragani, en sia fama verko *Tazkerat-ol-Oŭlija* (Biografioj de Kunuloj), kio estas kvazaŭ "Kiu estas kiu en mistikismo", komencis ĉi tiel: "Tiu maro de **ĉagreno**, tiu monto de obstino, tiu ...". Attar estas tre alte repektata vizaĝo en la mistikismo, ekz-e Moŭlana, okcidente pli konata kiel Rumi (1207-1273) konsideris lin multe pli superan ol si (bv. vd. Irana Esperantisto, aŭtuno 2003, N-ro 5, Jaro 2, pp. 4-7 ). Cetere, Abd-or-Rahman Ĝami (1414-1492), persa poeto kaj mistikulo, en sia fama verko *Nafahat-ol-Ons* (Amikecaj Blovetoj), citas jenan diraĵon de Ĥaragani:

**"Pasas kvardek jaroj ke mia nafso* (t.e. 'memo' aŭ 'animo' - ĉi tie 'la needukita') deziras glason da malvarma ŝorbeto aŭ jogurto, kaj ankoraŭ mi ne donis tion al ĝi."**

Certe ankaŭ al Ĥaragani okazis ekzaltaj momentoj, samkiel al ĉiuj mistikuloj okazas, sed ŝajnas ke la plej multan tempon li pasigis en asketeca sin-suferigado kaj malgajemo.

**Abu-Said vivis ĉ. 80 jarojn. La unuan duonon de sia vivo, li pasigis en asketeca suferado kaj malkomforto dum la studado, tamen sekve de turnopunkta vizio, la postan duonon de la vivo, ekde kiam li instruis, li pasigis tre gaje kaj komforte; la saman ŝanĝon li estigis en mistikismon, kies adeptoj ĝis tiam serĉis feliĉon pleje tra suferado, sed li pruvis ke ankaŭ tra ĝojo tio eblas!**

## *Abu-Said, Ĝuanta mistukulo*

Tamen, pri Abu-Said validis la malo, t.e. liaj paroloj kaj vivmaniero gajoplenis – kaj tio fakte validas pri li de post kiam li finis la studadon, eltrovis sian memon kaj komencis la instruadon. Pri aŭ de Abu-Said, krom en *Tazkerat-ol-Oŭlija*, Attar rakontis almenaŭ en kvar aliaj siaj verkoj en dek ok poemrakontoj. Ekz-e li diris: "**Ĉie, kien atingas la paroloj de Abu-Said, ĉies koroj ekgajiĝas**".
Abu-Said eĉ estis la unua mistikulo kiu disvastigis samaon* en Ĥorasano inter la sufioj. Samao estas arab-devena vorto kun la senco "aŭdi/aŭskulti" kaj en sufia terminologio signifas belan kanton kaj kantadon ekzaltan kio iam kondukas al dancado kaj ekstazo de sufioj. Multaj kredas ke robaioj de Abu-Said estis la unuaj poemoj, kiujn sufioj ekkantis dum samaoj. Tiaj dancoj rolas simbole kaj pere de ili, sufioj intencas supreniri de materiala al spirituala mondo. Ankoraŭ deptoj de certaj skoloj de sufiismo praktikas la samaon. Laŭhistorie, komence Abu-Said spertis fortajn kontraŭstarojn de la lokaj religiuloj ĉiproe, sed sekve de sia alta sociemo, populareco kaj klero – kaj laŭ iuj rakontoj pere de sia farasato*, t.e. la povo "legi" alies mensojn - li estis sukcesa ennkondukante siaj iniciatojn kaj reformojn en mistikismon kaj li registriĝis en la historio kiel la unua en Ĥorasano disvastiganta gajajn rondojn praktikante samao-ceremoniojn divers-okaze. Fakte liaj iniciatoj povis aliigi la sufiismon en vivmanieron kaj mondovidon gajecan, anstataŭ la mala kaj asketeca, kiu regis ĝis antaŭ li.

**Ankaŭ en liaj restintaj diraĵoj, multloke oni renkontiĝas kun liaj klare esprimitaj kuraĝigoj por (r)esti gaja:"Juĝado estas miskredanteco, atribui al alia(j) estas paganeco, kaj gajado estas farendaĵo."**



### Suferoplena Studado

Abu-Said dekomence neniel ĝuis tian gajemon, fakte male, li unue pasigis longegan tempon en suferado por atingi al tiu ĉi etapo gajeca ... preskaŭ 40 jarojn de sia junaĝo!
Infanaĝe pere de la patra interesiĝo kaj partoprenado en sufiajn rondojn, li konatiĝis kun mistikismo. Estis en sama periodo kiam li renkontiĝis kun sufia poeto Abolgasem Beŝr Jasin (m. 990), kiu konstatinte grandan talenton en AbuSaid, fariĝis lia unua instruisto pri mistikismo. Junaĝe Abu-Said iris al Marv-urbo por kvinjara studado ĉe Ahmad al-Ĥezri (m. inter 983 kaj 1000). Post tio kvin pluajn jarojn li studis ĉe Ahmad al-Gaffal (m.1026). Lia studado dum tiuj ĉi 10 jaroj ampleksis religiajn kaj beletrajn stud-objektojn. Sekve de tio, irinte al Saraĥs-urbo por studi pli alte la religiajn stud-objektojn pere de Abu Ali Zaher-ebn Ahmad (m. 999), li allogiĝis al ĥenezeska sufio nomata Logman Saraĥsi, kiu impresis lin tre forte, kaj pere de kiu li konatĝis ankaŭ kun tiea sufio nomata Abolfazl Saraĥsi (m. ?997). Nun li pasigis sian tempon en iu ĥangaho*,

t.e. kunvenejo de derviŝoj, ŝejkoj kaj sufioj. Tiu ĉi ĥangaho estis de Abolfazl, kiun Abu-Said nun konsideris kiel sian *pir-on** laŭlitere "maljunulo" sed sufi-kuntekste: "gvidanto".

Laŭ la rekomendo de la majstro Abolfazl, Abu-Said reiris al la naskiĝurbo. Sed, li pasigadis ankoraŭ 15 longajn jarojn en soleco kaj suferado asketeca en Mejhano kaj ties ĉirkaŭaj dezertoj kaj montoj. De tempo al tempo li iris al la majstro en Saraĥso por peti respondon al siaj demandoj kaj gvidiĝi pri la asketecaj praktikoj. Eĉ post la forpaso de Abolfazl, Abu-Said frekventis al Saraĥs, por gvidĝi ĉe lia tombo. Lia posta majstro estis Abol-Abbas Ahmad ebn Mohammad al-Gassab en Amol-urbo, kiu post pasado de unu jaro trovis Abu-Saidon jam matura sufio kaj donis al li ĥergeon*, t.e. surtuto kiun sukcesa nov-sufio ricevas de sia majstro. Laŭ iu rakonto de *Asrar-ot-Toŭhid*, ŝajnas ke la unuan ĥergeon li estis ricevinta de historiista sufio, Abu Abd-or-Rahman Solami (m. 1021), al kiu li irintis laŭrekomende de Abolfazl fine de la spiritualaj studoj ĉe li.



## Turnopunkto

Ĉiuokaze, tiam Abu-Said forlasis studadon, kaj enterigis ĉiujn siajn librojn kaj plantis arbon super ili! Tio okazis en 1009, kiam li estis 42-jara. Kvankam la unuajn 42 jarojn de sia vivo Abu-Said memvole pasigis kun tre diversaj suferoj, i.a. longaj fastadoj, loĝado en montaroj kaj dezertoj vivtenate sin nur per herboj, kaj eĉ praktiko de *ĉelleje ma'kuse* t.e. "renversa kvardeko", kion konsistigas preĝadoj dum la preĝanto staras sur la kapo kaj liaj piedoj estas ligitaj al najlo en la muro… tamen, la duan parton de la vivo, t.e. de 42-jaraĝo ĝis 82-jaraĝo, li pasigis tre plezure, ekz-e ĝuante samaon (poem-kantado), muzikon kaj dancon. Tre konatas lia diraĵo pri si post la longega sin-konado, sin-oferado kaj sin-edukado: "**De Abu-Saido, ne restis iu Abu-Saido.**" Ankaŭ ie, kiam oni demandis lian nomon por laŭtanonci lian envenon, li nomas sin: *Hiĉkas ebne Hiĉkas*, t.e.: "**Neniulo, la filo de Neniulo**".

Plejeble la turnopunkto al Abu-said – por transiri de suferado al ĝuado - okazis kiam li vizie aŭdis de Mejhane-moskeo koranan verseron "Ĉu via Sinjoro ne sufiĉas por vi?" (La Nobla Korano, 41:54). Li eltrovas ke lia klopodado por atingi al dio pere de sin-neadoj kondukas al memcentra religia praktiko, kio implice negas la sufian celon por efektivigi la dian unuecon per kaŝado de onies memkonscio. Li esprimis ĉi eltrovon en paradoksaj asertoj, kiuj apartenas al kategorio de sufiaj eldiroj nomata *ŝathijjat*, t.e. ŝajne kontraŭreligiaj paroloj, kiujn la iranaj mistikuloj ekde Bajazid Bastami (m. 874) eldiris. Ekz-e Abu-Said esprimis ke: "*Lajsa fi ĝobbati seŭa Allah*": "Ninio estas en mia mantelo krom Alaho".

### Ĝuoplena Instruado

Ekde kiam Abu-Said komencis instruadon, oni varme bonvenigis, kaj grandskale utiligis kaj partoprenis liajn kunsidojn ĉu en lia domo, ĉu aliloke en Mejhano, kiun li nomis Maŝhado (laŭvorte: atestejo, martiriĝejo) kaj iam poste en ĥangaho en Nejŝaburo, kiu probable apartenis al lia bopatro. La kunsidoj ĝuis tre varman etoson i.a. ĉar laŭtlegiĝis tre belaj poemoj – kaj en multaj okazoj am-poemoj! Tiu-tempe li komencis aranĝi ankaŭ samao-kunvenojn, dum kiuj oni kantis poemojn kaj iam eĉ dancis. Tiaj ceremonioj, tiam tre novaj kaj allogaj, aliflanke kaŭzis kontraŭstarojn de religiuloj kaj eĉ de iuj konservativaj sufioj kiel Abdol-Karim Goŝejri (m. 1074) kaj Ebn Bakuje (m. 1037). La lastmenciita malkonsentis kun Abu-Said precipe pri samao kaj ĥerge-ludado (t.e. disŝirado kaj disĵetado de la vestaĵoj pere de ekstaziĝintaj samaantoj). Tamen, la pozitiva sinteno de Abu-Said kune kun lia – laŭ iuj rakontoj supernatura - talento konvinki kaj toler(ig)i siajn kontraŭulojn, iompostiome trankviligis la cirkonstancojn. Pri toleremo lia, ekzistas multaj rakontokoj, i.a. la jena rakonteto:

**"Kiam la ŝejko (Abu-Said) estis en Nejŝaburo, tagon li iris al Hire-tombejo. Atinginte al tombaro de ŝejkoj, li ekvidis grupon, kiu drinkis kaj ludis muzikilojn tie.**

**La sufioj enangoriĝis kaj volis ĝeni ilin. La ŝejko mallasis tion, kaj kiam proksimiĝis al drinkantoj, ilin aldiris: "Samkiel vi estas korgajaj en tiu ĉi mondo, ankaŭ en la posta (mondo) la dio lasu vin korgajaj".**

**Ĉiuj ili ekstaris kaj terenfaligis sin ĉe la piedojn de la ŝejko, malplenigis la drinkujojn surteren, disrompis mizikilojn,**

**pentiĝis kaj sekve de rigardeto (priatento) de la ŝejko, transformiĝis en bonegulojn de la tempo".**

Iom post iom, preskaŭ ĉiuj liaj malamikoj, konsiderante publikan logiĝon al li, flankenmetis malharmoniaĵojn. Sekve ĉiujn ĉirkaŭajn urbojn dis-trairis liaj populareco kaj famo, i.a. Nejŝaburon kaj Tuson, du el la plej famaj urboj tiamaj. Liaj praktikoj pere de liaj sekvantoj dis-konkeris diversajn urbojn ene de Ĥorasanprovinco, sed lia famo certe transpasis la limojn de la provinco multege pli foren, en la tutan landon kaj regionon.

## Aviceno kaj Abu-Said

Abu Ali ebne Sina, fama filozofo irana, okcidente konata je Aviceno (980-1037), certe havis rilatojn kun Abu-Said, la vizitajn iuj dubas sed korespondajn ĉiuj akceptas. Ĉiuokaze post longa interkomuniko (laŭ *Asrar-ot-Toŭhid* 3-taga interparolado en Abu-Saida domo, laŭ aliaj fontoj longdaŭra korespondado) plejeble pri la naturoj de filozofio kaj mistikismo; responde al siaj lernantoj demandintaj pri Abu-Said, Aviceno diris pri li: "Ĉion, kion mi scias (science), li vidas (mistikisme)", kaj responde al siaj sekvantoj scivolemaj pri Aviceno, Abu-Said esprimis pri li: "Ĉion, kion mi vidas, li scias".

### Abu-Saidaj Rakontoj kaj Diraĵoj

Abu-Said kredis ke sufiismon oni devas travivi, ĉar ĝi ne estas klarigebla aŭ lernigebla; do li neniam skribis pri siaj instruoj. Sekve ekzistas nek poemo nek prozo de li skiribita per li mem. Eĉ foje kiam iu samtempa sekvanto lia volis skribi pri li, AbuSaid neis lin dirante:

**"Ne estu rakont-skribanto, estu tia ke oni skribu rakontojn pri vi."**

Tamen, post Abu-Said, liaj filoj kaj relativoj kaj iliaj posteuloj daŭrigis instruadon de liaj trovitaĵoj kaj iuj el ili, multajn jarojn post lia forpaso, komencis surpaperigi liajn vortojn kaj vivmanieron. *Asrar-ot-Toŭhid* (La Sekretoj de l' Unueco), kompilita inter 1179 kaj 1192, estas unu el tiaj verkoj, eble la plej fama kaj ampleksa, kiun skribis unu el liaj nepoj nomata Mohammad-ebne Monavvar preskaŭ jarcenton post la forpaso de Abu-Said. La libro estas inter la plej bonaj verkoj en la persa literaturo kaj stile - ĉar prapersajn vortojn purajn la verkinto utiligis en la libro, cetere multloke en tre mallongajn frazojn - kaj mistikisme, ĉar ĝi prezentas tre allogajn rakontetojn de kaj pri Abu-Said, kiu sendube estas unu el la plej ĉefaj aliigintoj de sufiismo respektive en Ĥorasano, Irano kaj la mondo.

Ferejdun Moŝiri (1926-2000) tre renoma poeto de nuntempa Irano – kaj eble la plej verda, esperanta kaj optimista – pri *Asrar-ot-Toŭhid* en la enkonduko de sia elektita rakontaro el la verko, skribas:

**"Kiam ajn mi volis preni libron el la patra librejo, mi elektis *Asrar-ot-Toŭhid*-on aŭtomate…. Mi devas konfesi ke nek magiaĵoj nek supernaturaj agoj de la ŝejko impresis min; fakte kredi ilin, mi ne povis. Tio, kio magnetizante dronis min en sin, plezurigis kaj pripensigis min, estis la pura persa prozo de la verkinto kaj la profundaj delikataĵoj de la rakontoj …"**

Sian elektitan rakontaron el *Asrar-ot-Toŭhid,* Moŝiri eldonis kun la titolo "Rigardi samel". La libro-titolon, li priklarigas en sia kelklinia "Anstataŭ antaŭparolo" sur la unua paĝo de la libro:

**"Ĉion kion oni devas diri**
**Kaj ĉion kion oni povas diri,**
**La ŝejko diris en tiu ĉi mallonga frazo:**
**'Sufiismon konsistigas duo:**
**Rigardi samen (al la komuna Celo) kaj**
**Rigardi samel (al la homoj)'"**

Alia fama verko pri Abu-Said skribita de alia nepo lia, nomata Abu-Ruh Lotf-ol-Lah (m.1147), nomiĝas "*Halat va Sohanan Ŝejĥ Abu-Said Abol-Ĥejr*" (Statoj kaj Paroloj de Ŝejko Abu-Said Abol-Ĥejr). Ĉi libro verkiĝis antaŭ *Asrar-ot-Toŭhid*, kaj ankaŭ ties persa stilo estas same alloga, sed la verko ĝuas malpli grandan volumenon. Ambaŭ libroj unuafoje aperis kun redaktado de Vasilii A. Zhukovskii (1783-1852), profesoro ĉe Sankt-Peterzburga Universitato, en la jaro 1899. En postaj jaroj, tre diversaj iranaj verkistoj kaj poetoj preparis aliajn reviziojn kaj/aŭ eldonojn de tiuj ĉi du trezoroj de la persa literaturo, i.a.: Ahmad Bahmanjar, d-ro Zabih-ol-Lah Safa, d-ro M.R. Ŝafii Kadkani , Iraĝ Afŝar, Said Nafisi kaj F. Moŝiri kiel menciite supre.

### La Vera Miraklo laŭ la Sociema Sufio

Kvankam la sekvantoj kaj nepoj de Abu-Said emis troigi pri supernaturaj potencoj de Abu-Said, tamen tra certaj rakontoj cititaj per ili mem, oni povas eltrovi lian veran opinion pri mirakloj. Ekz-e en *Asrar-ot-Toŭhid*, oni

# Kelkaj diraĵoj de Abu-Said Abol-Ĥejr el *Asrar-ot-Toŭhid*

## (La Sekretoj de l' Unueco), p. 229-234.:

### Amikoj kaj Malamiko

La ŝejko diris: "Malmultas mil amikoj kaj multa estas unu malamiko."

### Sufieco

La ŝejkon oni demandis: "Kio estas sufieco?" Li diris: "Forlasi tion, kion vi enkape havas; fordoni tion, kion vi enmane tenas; kaj ne furioz-eksalti, se io kontraŭ vi okazas".

### Kialo de Suferado

La ŝejko diris: "La popolo estadas en sufero tial, ke ili postulas la aferojn antaŭ la (destinita) tempo."

### Kie aŭ Kiel?

Derviŝo demandis la ŝejkon: "Kie ni povus priserĉi Lin?" La ŝejko diris: "Kie vi serĉis Lin kaj ne trovis (Lin)? Se sincere kaj troveme, (eĉ) paŝon vi antaŭeniru sur la vojo de alsopirado, kion ajn vi alrigardu, vi vidos Lin (en tio)."



povas legi janan rakonton - ĝuste ĉe aliaj skribaĵoj, kiuj certe ne malplenas de troigoj pri la granda avo:

**Nian ŝejkon oni diris: "Iu persono vojiras sur la akvo!"**
**Li diris: "Tio facilas! Ankaŭ rano kaj pasereto povas iri surakve."**
**Oni diris: "Alia persono flugas en la aero!"**
**Li diris: "(Ankaŭ) korniko kaj muŝo flugas en la aero."**
**Oni diris: "Iu persono dum momento iras de urbo al alia urbo!"**
**La ŝejko diris: "Ankaŭ satano dum unu enspiro iras de oriento al okcidento; tiaj agoj ne estas tiel valoraj. La (vera) viro estas tiu, kiu povas vivi inter la popolo kaj interagi kun ili kaj kuniĝi kun la popolo, kaj dume (eĉ) momenton ne forgesi pri la dio."**

Do, tute klaras ke kiel plej valoran kaj karan faron, li konsideris socian kunvivadon – kio cetere kaj certe ebliĝas nur pere de toleremo kaj kompromiso, kiel li mem praktikis dumvive - kaj preferis ĝin al ĉia stranga miraklo!

*Fontoj:*

**1 - Mejhani, A.S. *Asrar-ot-Toŭhid* (La Sekretoj de l' Unueco), Diraĵoj de kaj rakontoj pri Ŝejko Abu-Said Abol-Ĥejr, kun 15-paĝa enkonduko far d-ro Ali Asgar Halabi, Tehrano: Safi-Ali-Ŝah, 1997, 310 p.**
**2- Moŝiri, Ferejdun. *Jeksan Negaristan* (Rigardi Samel), elektita rakontaro el *Asrar-ot-Toŭhid*, Tehrano: Safi-Ali-Ŝah, 1982 (3a eld.), 171 p.**
**3- Encyclopaedia Iranica, Center for Iranian Studies, Columbian Univrsity, New York, London, Boston, Melbourne and Henley: Routledge & Kegan Paul, (la dato ne menciita),Vol. 1, Fascicle 4, p. 377-380.**
**4- Zarrin-kub, Abdolhosejn. *Ĝostoĝo dar Tasavvofe Iran* (Esplorado pri Sufiismo de Irano), Tehrano: Amir-kabir, 1984 (2a eld.), (1a eld. 1978), 446 p., p. 61-64.**
**5- Minovi, Mojtaba. *Ahval va Agvale Ŝejĥ Abol-Hasan Ĥaragani* (Statoj kaj Diraĵoj de Ŝejko Abol-Hasan Ĥaragani), Tehrano: Tahuri, 1988 (4a eld.), 181 p.**

# De Usono al Irano! Rememoroj ...



Karaj gesamideanoj,

Mi gratulas vin pro via nova revuo. Jam estas pli ol kvin jaroj ke mi ne havis kontakton kun aliaj samideanoj, kaj nun mi volas fini tion skribante tiun ĉi leteron al via novnaskita revuo. Kiel multaj samideanoj scias, mi estas la unua irana esperntistino kiu edziniĝis al eksterlanda esperantisto sen antaŭa renkontiĝo. Sed nun mi volas skribi por vi kiel mi konatiĝis kun E-o mem kaj kiel daŭrigis plilerni kaj instrui ĝin al la aliaj. Me esperas ke tio plaĉos al vi. Laŭ mia opinio, mia konatiĝo kun E-o estis tre hazarda ĉar dum tiu tempo, mi estis instruistino kaj instruis literaturon en lastaj klasoj de gimnazio (estante magistro pri literaturo). Iun tagon mi notis ke la plej inteligenta lernantino de la klaso, por la unua fojo ne aŭskultas la lecionon kaj okupiĝas per iu revuo. Mi iris ĉe ŝin kaj demandis:"Kio interesis vin tie?", ŝi respondis: "Kara mia instuistino se ankaŭ vi vidus ĉi tiun artikolon, vi interesiĝus pri ĝi." Ŝi donis al mi la revuon, ĝi estis virin-revuo. Mi kunportis la revuon kaj dum la ripoza tempo tralegis ĝin. Enestis iu priEsperanta artikolo, kiu vere kaj ege impresis min, ĉar ĝi tre bone prezentis E-on kun fotoj de personoj kiuj vojaĝis al la kulturdomo de Grezijono (Grésillon) en Francio por lerni E-on. Tie ili rakontis kiel ili povis interparoli kun homoj el diversaj landoj en unu komuna lingvo, t.e. E-o. Saman tagon mi telefonis al univrsitato, kie okazis E-kursoj. Sekve de informoj, kiujn mi atingis, mi konstatis ke pere de kelkaj instruiloj oni povas rapide lerni ĝin ĉar oni multe diris al mi pri neimagebla facileco de E-o. Sekvonatan tagon mi kun mia fratino iris al la universitato kaj enskribis niajn nomjon sed ili diris ke ni devas veni por la kurso post kelkaj monatoj ĉar ili ne havas lokon en la komeniĝanta klaso. Tie ni vidis diversajn artikolojn kaj gazetojn entenantaj priE-ajn materialojn. Tiun nokton mi ne povis endormiĝi pensante kion fari. Do postan semajnon ni iris tien kaj vidis ke multaj homoj estas venintaj. Kiam malfermiĝis la pordo de la klaso, kio fakte estis salono granda, plu ne estis loko por sidiĝi kaj multaj staris. Kiam la instruisto venis, li diris ke homoj kiuj staras ne maltrankviliĝu ĉar multaj venis ĉi tien pensante ke se ili lernos rapide, povus gajni monon, sed vi estu certa ke sekvotan tagon multaj ne plu venos kaj ĉe la fino de la kurso, restos nur kelkaj. Fakte tio okazis sed ne pri mi, ĉar mi tiel enamiĝis en E-on ke ne povis forlasi ĝin kaj senĉese lernis kaj instuis ĝin kaj kuraĝigis ankaŭ miajn du fratinojn kaj fraton lerni E-on. Poste mi dufoje iris al Grezijono en Francio por plua lernado kaj ankaŭ partoprenis en al Universala Kongreso de E-o en Svedujo en 1980. Laŭ mia memoro tio estis la komenco de mia Esperantista vivo kaj ekde tiam komenciĝis miaj adventuroj en la E-o mondo.

(mag-ino) Heŝmat Faraĝi

# ESPEIRANATISTO

*"...bonŝance venis*
***'IRANA ESPERANTISTO",***
*kiu diversnuance kaj riĉe proksimigas la kulturon de tiu ĉi fora lando. Jen per prezento de la materia kulturmonumento de tiu ĉi lando, granda turisma atrakciaĵo devenanta el la 10-a jarcento Bam-Citadelo, la plej granda adoba kontruaĵo en la mondo, kalkulita de UNESCO al la universala kulturheredaĵo..."*
***Radio Polonia, Barbara Pietrzak.***

***IRANA ESPERANTISTO*** estas internacia kultura sezon-magazino sendependa. Legante ĝin vi povas:
***Konatiĝi*** kaj kun plej grandaj antikvaj persaj poetoj/mistikuloj, kiel Sadio (1184-1218), Rumi (1207-1273), ... kaj kun nuntempaj poetoj kaj artistoj kiel Sohrab Sepehri (1928-1980) kaj Mohsen Maĥmalbaf (1957-).
***Sciiĝi*** pri gravaj eventoj en Irano, ekz-e en la 5a n-ro estis pli ol dek paĝoj pri Ŝirin Ebadi, NobelPacPremiito en 2003.
***Lerni*** pri plej allogaj vidindaj lokoj (historiaj); ĝis nun, ekz-e, aperis detalaj materialoj pri Persepolo, Bam-Citadelo (la artikolo aperis nur monatojn antaŭ ties detruiĝo dum la lastatempa tertremo), ...
***IRANA ESPERANTISTO*** aperas ĉiu-sezone sur 56 paĝoj, ĝi estas 29cmx20.5cm, kun koloraj kovrilpaĝoj, ISSN 1728-6174.

Jen kritika prezentado de la 4-a n-roj de ***IRANA ESPERANTISTO*** en Radio Polonia far Barbara Pietrzak:
http://www.radio.com.pl/polonia/article.asp?tId=3099
Jam kompleta teksto de multaj artikoloj de ***IRANA ESPERANTISTO*** citiĝis ankaŭ en interreto, ekz-e:
Pri Rumi (1207-1273) la plej granda mistika poeto:
http://eo.wikipedia.org/wiki/%C4%9Calal-ed-din_MOHAMMAD_RUMI
Pri Sohrab Sepehri (1928-1980), tre renoma nuntempa poeto/pentristo, kune kun liaj pentraĵoj kaj poemoj tradukitaj E-en:
http://eo.wikipedia.org/wiki/Sohrab_SEPEHRI
Pri Bam-Citadelo, 2500-jaraĝa giganta historiaĵo – ĵusa-tempe tertrem-detruita:
http://eo.wikipedia.org/wiki/Bam-Citadelo




Pri Mohsen Maĥmalbaf (1957-), unu el la plej kreivaj kaj diskutataj reĝisoroj/verkistoj de nuntempa Irano, kune kun tre fama intervjuo kun li pri lia premiita filmo La Silento:
http://eo.wikipedia.org/wiki/Mohsen_MA%C4%A4MALBAF
Komence de pri-movada artikolo titolita "Sekvi la Majstron Interrete", kies kompleta teksto alireblas ankaŭ en:
http://eo.wikipedia.org/wiki/Sekvi_la_Majstron_Interrete , ni legas:

***"Nia majstro, d-ro L. L. Zamenhof, dediĉis sian vivatingaĵon, t.e. Esperanton, al la homaro; ĉu ne indus ke ankaŭ ni faru similon pri niaj verkoj lia-lingvaj!? Kaj tiel, kontribui efike al la fina venko?***
**Senpaga prezentado de diversaj verkoj pri kaj en Esperanto al la publiko pere de interreto, disvolvigos la movadon konsiderinde. ..."**

- Jen la kialo malantaŭ senprofita publikigo de artikoloj de ***IRANA ESPERANTISTO*** en interreto ...
Pliaj informoj pri la magazino, kune kun enhavtabelo de 5-a n-ro alireblas en:
http://eo.wikipedia.org/wiki/Irana_Esperantisto
Jen informfontoj pri la magazino en la persa:
http://www.sabzandishan/com ,
http://www.magiran.com/subscription.asp?mgID=2899

**Interesita? Jen la Abon-informoj:**
Jara abontarifo por internacia samideanaro:
Orienta Eŭropo, Azio, Afriko, Sudameriko: 15 Eŭroj.
Okcidenta Eŭropo: 20 Eŭroj.
Nordameriko, Japanio, Koreio, Oceanio: 25 Eŭroj.
Vi povas pagi la abonkotizon aŭ/kaj subtensumon al UEA, kodo: iece-h.

**Abonilo**

Nomo: Familia Nomo: Aĝo:
De kiu numero: Ĝis kiu numero:
Adreso:
Poŝt-kodo: Telefono: E-poŝto:

Sendu la abonilon al la suba adreso (irananoj sendu kune ankaŭ kopion de pagdokumento): Sabzandiŝan Instituto, P.O.Kesto 17765-184, Tehrano, Irano.
E-poŝto: info@sabzandishan.com
Bonan legadon,

***Irana Esperantisto***